# Aŭstraliaj Esperantistoj


## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 13/12/2013 Cent kvardektria Eldono 14/12/2013** SENDITA (unua eldono 26/09/2011)

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;**

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**

**SENDATA AL 260** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj


**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la interesajn ligojn

Estas via Esperanto-familio. Informu, fotoj bonvenaj.



## Aŭskultu Retradion en Esperanto ĉiun tagon

http://esperantareradio.blogspot.co.at/ Estas « RSS Feed » Elsendo de la 5a Decembro 2013

Kompleksa kulturo bezonas precipe multajn kapojn

Kiam Jared Diamond surteriĝis en la jaro 1992 en Tasmanio - li estis fluginta de Aŭstralio trans la sovaĝan oceanon - eĉ li kiu jam estis vidinta multe en la tuta mondo, miregis: En Tasmanio regas ekstrema malvarmo, ĝi situas en la sudo en la sama paralelo kiel Vladivostoko en la nordo, sed la enloĝantoj malgraŭ tio kutimis moviĝi ekstere nudaj kaj ili kunportis en malgrandaj ujoj fajron, kiun ili uzis por fari pli grandan fajron dum ripoza paŭzo. Ili ne kapablis ekfari fajron. Multajn aliajn aferojn ili same ne posedis, ekzemple martaŭgajn boatojn. Sed ili ankaŭ estis venintaj el Aŭstralio, same kiel Diamond. Tiu enigmo estas facile solvebla, la setlantoj venis antaŭ 10 mil jaroj, ili povis piediri la vojon, ĉar dum la glaciepoko la marnivelo estis malalta.

Sed la cetero: Kial ili multon ne havis kio jam estis disponebla en Aŭstralio kiam ili survojiĝis? Kial ili precipe ne havis laborilojn el ostoj? El tio oni povas ekzemple fari kudrilojn, per kiuj oni povas kunkudri peltojn kontraŭ la malvarmo ktp ktp ktp

.**Malgranda parto de bona artikolo** Ctrl+alklaku la bluajn lokojn)







# Propaganda sekcio

**The most successful made-up language'**

4 minuta 27 sekunda programeto

[http://www.sbs.com.au/thefeed/blog/esperanto-most-successful-made-language](http://www.sbs.com.au/thefeed/blog/esperanto-most-successful-made-language) **Klaku kaj spektu**

Mi ĝuis la SBS programon kaj ĝuegis pro la du beluloj kiuj ambasadoris por ni. Espereble almenaŭ unu semo falis sur fekundan grundon. Vera



Sendu informon al mi pri viaj kunvenoj, novaĵo kaj via Esperantista familio ĝojos.

# AEA Informas

## Aŭstralia Esperanto Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

## 2013-12-05 - AEA raportas:

Nian lastan Skype estrarkunvenon (05/12/2013) ĉeestis Heather, Indrani, Kam Lee, Margaret kaj Sandor.. kaj ankaŭ Jim

### * ALIĜU AL LA KONGRESO - KONTRIBUU

Se vi intencas partopreni nian kongreson/somerkursaron en januaro en Kanbero, ne hezitu kaj aliĝu kiel eble plej baldaŭ.
Ni devas informi Ursula Hall pri la nombro de ĉambroj, kiujn ni bezonas. Se vi aliĝas poste ni ne povas garantii loĝlokon en Ursula Hall kaj vi mem devos trovi loĝeblecon.
Kaj se vi jam aliĝis, ne hezitu kaj proponu prezenti aŭ gvidi ion.

*** KONGRESO EN KANBERO**

- La programo komencas aspekti kiel programo. Bv rigardi ĝin en nia retejo.
  Memoru: Ĝi estas nur **provizora**,…..kompreneble ĝi ŝanĝiĝos
- La dua vizpeto de Bharat sukcesis
- Same kun la du proponitaj partoprenantoj el Orienta Timoro
- Daŭriga memorigo: Ni voĉdonos en Kanbero ĉu ni restu kompanio aŭ reiru al asocio. Bv komenti kaj forte argumenti por aŭ kontraŭ.

*** KOMPANIO – ASOCIO ?**

Alia diskuto . . . . Ni antaŭĝuas la decidon ĉe la jarkunveno.

Kontrolu la du artikolojn en la venonta ESK
Se vi volas kontribui al tiu diskuto,….. ne hezitu kaj skribu al Roger.

*** ESK**
Kam lee preparas la venontan eldonon. Ĝi estas preskaŭ finita kaj espereble ĝi atingos vin antaŭ kristnasko.

*** JARRAPORTO**
La AEA jarkunveno okazos sabaton, la 4-an de januaro, posttagmeze
Ni decidis kunmeti komunan jarraporton. Ni diskutis la malneton/skizon.
Ni intencis disdoni ĝin antaŭ la kongreso

*** NOVJARA REZOLUCIO**
Jim proponis verki reklamilojn pri "Faru novjaran rezolucion – lernu novan lingvon"
Bonega ideo!

*** MEMORIGO**
**Ne forgesu:** aea.esperanto.org.au
Nia nova retejo estis enŝaltita. Vizitu ĝin kaj informu nin, kiam vi trovas erarojn kaj kiam vi volas proponi plibonigojn.

Heather, Kam Lee, Indrani, Jim, Margaret, Sandor



# 12. Lingvaĵo iom pli pri La Predikato. C.

(daŭrigo de kelkaj ĝeneralaĵoj).

Eventualaj Suplementoj kaj Subordaj Frazoj apartenantaj al la ĉefa vorto formas parton de la koncerna Predikato: "Ili RETROVENIS TUTE MALSEKAJ PRO LA INUNDO DE LA RIVERO".

Se oni havas du (aŭ pli) agojn en unu Predikato, ili AŬ formas simplan adicion, do havas la samajn aŭ similajn finaĵojn (ekz. "Li manĝis kaj poste trinkos"), AŬ ili rilatas iel unu al la alia aŭ influas la alian (ekz. "La hundo volas manĝi"). En la dua kazo la unua verbo ricevas unu el la plenverbaj finaĵoj (ekz. "volas") kaj la aliaj verboj ricevas la duonverban finaĵon –i (ekz. "manĝi"). Do la –i-ago kombiniĝas kun tiu de la kerna ago, kiu kromdifinas la alian (ekz. en "La maŝino devas povi mueli la grenon", kie la ago "devas" rilatas al dua ago "povi" , kiuj kune difinas trian agon "mueli"). Tiaj unuaj verboj nomiĝas Helpverboj. Ekzistas nur malgranda grupo da ili, nome povi, rajti, voli, emi, devi, kapabli, ebli, interesiĝi, surpriziĝi, ktp. Ili estas Netransitivaj Verboj, do ne kapablas difini Objekton, sed nur Infinitivon. La aliaj Netransitivaj Verboj kiaj veni kaj iri ne estas Helpverboj,ĉar ili povas difinati de Infinitivo per Prepozicio, ekz. "Ŝi iros (por) naĝi en la rivero"

Ankaŭ Transitivaj Verboj ne povas esti Helpverboj ĉar ilia difinata ago, en infinitiva formo, funkcias ĉiam kiel Objekto en la frazo, ekz. "Ŝi ŝatas naĝi (= la naĝadon)" kaj "Li deziras manĝi (= la manĝadon)". Dum la Infinitivo en si mem estas parte Verbo kaj parte Substantivo, ĝi havas pli substantivan funkcion se estante Objekto, kaj pli verban funkcion kiel ĉefverbo post Helpverbo.

Malsame al etnaj lingvoj, la Esperantaj Participoj ne estas Verboj, sed Adjektivoj, danke al la genio de Zamenhof (en ĉi tiu kazo li ne ĉiam praktikis sian propran genion, pro timeco). Do ili ne uzatas kun Helpverboj, nek post Verboj kiaj veni kaj iri (kie eblas Prepozicio), nek kiel Objekto post Transitivaj Verboj. Do

nek ”Mi povas glitkuranta” nek “Mi iros akceptata aplaŭde” nek “Mi ŝatas naĝanta”. Ni diskutos la Esperantajn Participojn, ja Adjektivoj, poste.

Marcel Leereveld.

Venu al Kanbero 3 ĝis 12 Januaro 2014 Come to Canberra



Kara esperantisto,
La Aŭstralia Esperanto-Asocio (AEA) ŝatus inviti vin al nia venonta kongreso/somerkursaro en Kanbero inter la 3-a kaj la 12-a de Januaro 2014.
Plej amike, Sandor (AEA prezidanto) 2013-11-18
P.S. Se vi ne jam estas AEA membro, bv ankaŭ pripensi aliĝi al AEA.

# la PROVIZORA programo

## por la Kanbera Kongreso/Somerkursaro.

| | |
|---|---|
| | **Vendredo, 3-a januaro, 2014** |
| 14:00 – 18 :00 | Registrado |
| 18:00 – 19 :30 | Komuna vespermanĝo |
| 19:30 – 22 :00 | Interkona Vespero |
| | **Sabato, 4-a januaro** |
| 07:30 – 08:30 | Matenmanĝo |
| **09:00 – 10:00** | **Malferma ceremonio** |
| 10:00 – 10:30 | Kafopaŭzo |
| 10:00 – 10:30 | Libroservo |
| **10:30 – 12:00** | **Esperanto Kursoj** |
| | Komencantoj *(Giles Thomson)* |
| | Progresintoj *(Bharat Ghimere)* |
| | Spertuloj *(Trevor Steele)* |
| **12:00 – 12:30** | **Kongresa foto** |
| 12:30 – 13:30 | Tagmanĝo |
| **14:00 – 17:30** | **AEA Jarkunveno** *(Estraro)* |
| **17:30 – 18:00** | **Koruso *(Alan Bishop)*** |
| 18:00 – 19:00 | Komuna vespermanĝo |
| **19:30 – 21:30** | **Esperanto Film Konkurso** |
| | *Rainer Kurz* |
| | **Dimanĉo, 5-a januaro** |
| 07:30 – 08:30 | Matenmanĝo |
| **09:00 – 10:00** | **Ekumena Servo** |
| **10:30 – 17:30** | **Ekskursoj** |
| | **(a) Bicikle** *(Terry Manly)* |
| | **(b) Piede/Buse** *(Helen Palmer)* |

| | |
|---|---|
| 17:30 – 18:00 | Kantado |
| 18:00 – 19:00 | Komuna vespermanĝo |
| **19:30 – 22:00** | **Indonezia Vespero** *(Andre, Eko)* |

## Lundo, 6-a januaro

| | |
|---|---|
| 07:30 – 08:30 | Matenmanĝo |
| **09:00 – 10:30** | **Esperanto Kursoj** |
| | Komencantoj *(Giles Thomson)* |
| | Progresintoj *(Bharat Ghimere)* |
| | Spertuloj *(Trevor Steele)* |
| 10:30 – 11:00 | Kafopaŭzo |
| 10:30 – 11:00 | Libroservo |
| **11:00 – 12:00** | **Esperanto Kursoj** |
| | Komencantoj *(Giles Thomson)* |
| | Progresintoj *(Bharat Ghimere)* |
| | Spertuloj *(Trevor Steele)* |
| 11:00 – 11:30 | Individua prezentado-1.1 |
| 11:30 – 12:00 | Individua prezentado-1.2 |
| 12:00 – 12:30 | Individua prezentado-1.3 |
| | **Kontrolu la anonctabulon!** |
| 12:30 – 13:30 | Tagmanĝo |
| 14:00 – 17:30 | **Ekskurso – National Arboretum Canberra** |
| | *(Helen Palmer)* |
| | *http://www.nationalarboretum.act.gov.au* |
| **14:00 – 15:00** | **Bruno Gröning** *(Trevor Steele)* |
| **15:00 – 15:30** | **Herzberg** *(Jenny Bishop)* |
| 15:30 – 16:00 | Kafopaŭzo |
| 15:30 – 16:00 | Libroservo |
| **16:00 – 17:00** | **Aŭstraliaj Esperantistoj** *(Roger Springer)* |
| **17:00 – 17:30** | **Japana Esperanto Kongreso** *(Gerry Phelan)* |
| **17:30 – 18:00** | **Koruso** |
| 18:00 – 19:00 | Vespermanĝo |
| **19:30 – 22:00** | **Nepala Vespero** *(Bharat Ghimere)* |

## Mardo, 7-a januaro

| | |
|---|---|
| 07:30 – 08:30 | Matenmanĝo |
| **09:00 – 10:30** | **Esperanto Kursoj** |
| | Komencantoj (Giles Thomson) |
| | Progresintoj (Bharat Ghimere) |
| | Spertuloj (Trevor Steele) |
| 10:30 – 11:00 | Kafopaŭzo |
| 10:30 – 11:00 | Libroservo |
| **11:00 – 12:00** | **Esperanto Kursoj** |
| | Komencantoj *(Giles Thomson)* |
| | Progresintoj *(Bharat Ghimere)* |

| | |
|---|---|
| | Spertuloj *(Trevor Steele)* |
| 11:00 – 11:30 | Individua prezentado-2.1 |
| 11:30 – 12:00 | Individua prezentado-2.2 |
| 12:00 – 12:30 | Individua prezentado-2.3 |
| | **Kontrolu la anonctabulon!** |
| 12:30 – 13:30 | Tagmanĝo |
| **14:00 – 15:00** | The new AEA website:<br>Structure and navigation<br>Laborsesio (workshop) |

The way the information on a website is organised and made findable is called the site's "Information Architecture", or "IA". As the administrator of the new AEA website, I could just have arranged and renamed the pages and menus myself, according to what I think makes sense, but I would prefer to open up the process to those who create and use the content. In this session, *open to all interested members*, we will work together to create an optimal IA.
(Although prior knowledge of web or computer technology is not required, some slightly technical issues will be discussed, so *the workshop will be run in English*.)

| | |
|---|---|
| **14:00 – 15:00** | **Kanbero – 100 jaroj** *(Huigh Malcolm)* |
| 15:30 – 16:00 | Kafopaŭzo |
| 15:30 – 16:00 | Libroservo |
| **16:00 – 17:30** | **Internaciaj Vojaĝoj** |
| | UK-2013 *(Heather Heldzingen)* |
| | Koreio (*Dmitry Lushnikov)* |
| **17:30 – 18:00** | **Koruso** |
| 18:00 – 19:00 | Vespermanĝo |
| **19:30 – 21:30** | **Esperanto Kvizo** *(Trevor Steele)* |

## Merkredo, 8-a januaro

| | |
|---|---|
| 07:30 – 08:30 | Matenmanĝo |
| **09:00 – 10:30** | **Esperanto Kursoj** |
| | Komencantoj *(Giles Thomson)* |
| | Progresintoj *(Bharat Ghimere)* |
| | Spertuloj *(Trevor Steele)* |
| 10:30 – 11:00 | Kafopaŭzo |
| 10:30 – 11:00 | Libroservo |
| **11:00 – 12:00** | **Esperanto Kursoj** |
| | Komencantoj *(Giles Thomson)* |
| | Progresintoj *(Bharat Ghimere)* |
| | Spertuloj *(Trevor Steele)* |
| 11:00 – 11:30 | Individua prezentado-3.1 |
| 11:30 – 12:00 | Individua prezentado-3.2 |
| 12:00 – 12:30 | Individua prezentado-3.3 |
| | **Kontrolu la anonctabulon!** |
| 12:30 – 13:30 | Tagmanĝo |
| **14:00 – 17:30** | Lingva Festivalo |
| | **Konstruitaj lingvoj – ne nur Esperanto** |
| | Jonathan Cooper |

Homoj elpensis lingvojn ekde pli ol 700 jaroj antaŭ Esperanto, kaj daŭre inventas ilin. Kial? Kaj kial iuj planlingvoj havis limigitan publikan sukceson, dum aliaj malaperis kun apenaŭ spuro? Ankaŭ, ĉu planlingvo povas esti rigardata kiel 'vera' lingvo, ĉar lingvo estas intime ligata kun kulturo? Tiu prelego rigardos iujn el la plej rimarkindaj planlingvoj tra la jaroj kaj diskutos iliajn celojn, metodojn kaj atingojn.

| | |
|---|---|
| | **Hungara –** *Markus Gabor aŭ Sandor* |
| | **Germana -** *Sandor* |
| | **Rusa -** *Dmitry* |
| | **Slovaka –** *Katja Steele* |
| | **Korea -** *Lumera* |
| | **Ĉina -** *Roger* |
| | **Nepala -** *Bharat* |
| | **Indonezia –** *Eko, Andre* |
| | **Vjetnama -** *Keu* |
| **17:30 – 18:00** | **Koruso** |
| 18:00 – 19:00 | Vespermanĝo |
| **19:30 – 20:30** | **Vi nomas tion "arto"!?** *Jonathan Cooper* |

Multaj el la argumentoj pri arto povas esti sekvata reen al onia opinio pri tio, kion artistoj faras kiam ili kreas arton. Sed, ni devus distingi inter esencaj kaj malesencaj celoj. Malesencaj celoj estas tiuj, kiuj povus validi egale bone al ne-artaj aferoj, ekzemple por gajni monon aŭ por akiri famon kaj favoron. Do, kiuj estas la *esencaj* kialoj por artistoj krei arton?

| | |
|---|---|
| **20:30 – 22:00** | **Debato** *(Daniel Kane, Marcel Leereveld)* |

## Jaŭdo, 9-a januaro

| | |
|---|---|
| 07:30 – 08:30 | Matenmanĝo |
| **09:00 – 10:30** | **Esperanto Kursoj** |
| | Komencantoj *(Giles Thomson)* |
| | Progresintoj *(Bharat Ghimere)* |
| | Spertuloj *(Trevor Steele)* |
| 10:30 – 11:00 | Kafopaŭzo |
| 10:30 – 11:00 | Libroservo |
| **11:00 – 12:00** | **Esperanto Kursoj** |
| | Komencantoj (Giles Thomson) |
| | Progresintoj (Bharat Ghimere) |
| | Spertuloj (Trevor Steele) |
| 11:00 – 11:30 | Individua prezentado-4.1 |
| 11:30 – 12:00 | Individua prezentado-4.2 |
| 12:00 – 12:30 | Individua prezentado-4.3<br>**Kontrolu la anonctabulon!** |
| 12:30 – 13:30 | Tagmanĝo |
| **14:00 – 15:00** | **Nia historio, Arĥivo** *(Huigh, Katja)* |
| **14:00 – 15:00** | **La edukado pri valoroj en matematikaj kaj sciencaj klasĉambroj** *(Alan Bishop)* |
| **15:00 – 15:30** | **Ŝlosilo** *(Roger Springer)* |
| 15:30 – 16:00 | Kafopaŭzo |
| 15:30 – 16:00 | Libroservo |
| **16:00 – 16:30** | **Opera Domo** *(Daniel Kane)* |

| | |
|---|---|
| **16:30 – 17:30** | **ILEI** (Jennifer Bishop) |
| **17:30 – 18:00** | **Koruso** |
| 18:00 – 19:00 | Vespermanĝo |
| **19:30 – 21:30** | **Belka Beleva** (Daniel, Marcel) |

## Vendredo, 10-a januaro

| | |
|---|---|
| 07:30 – 08:30 | Matenmanĝo |
| **09:00 – 10:30** | **Esperanto Kursoj** |
| | Komencantoj *(Giles Thomson)* |
| | Progresintoj *(Bharat Ghimere)* |
| | Spertuloj *(Trevor Steele)* |
| 10:30 – 11:00 | Kafopaŭzo |
| 10:30 – 11:00 | Libroservo |
| **11:00 – 12:00** | **Esperanto Kursoj** |
| | Komencantoj (Giles Thomson) |
| | Progresintoj (Bharat Ghimere) |
| | Spertuloj (Trevor Steele) |
| 11:00 – 11:30 | Individua prezentado-5.1 |
| 11:30 – 12:00 | Individua prezentado-5.2 |
| 12:00 – 12:30 | Individua prezentado-5.3 |
| | **Kontrolu la anonctabulon!** |
| 12:30 – 13:30 | Tagmanĝo |
| **14:00 – 15:00** | **Aŭstralia Antologio** *(Trevor Steele)* |
| | Historio, Enhavo, Problemoj |
| **15:00 – 15:30** | **Kiel ekonomie krei novajn adeptojn al Esperanto** *(Marcel)* |
| 15:30 – 16:00 | Kafopaŭzo |
| 15:30 – 16:00 | Libroservo |
| **16:00 – 17:30** | **AEA 2014, 2015, 2016** |
| | **Venontaj Planoj kaj kongresoj** |
| **17:30 – 18:00** | **Koruso** |
| 18:00 – 19:00 | Vespermanĝo |
| **19:30 – 21:30** | **Teatraĵetoj** |
| | **La koruso prezentas** |
| **21:30 – 22:30** | **Diskoteko - Ni dancu Esperante** |
| | **(***Katja Steele)* |

## Sabato, 11-a januaro

| | |
|---|---|
| 07:30 – 08:30 | Matenmanĝo |
| **09:00 – 17:30** | **Ekskursoj** |
| **18:00 – 21:30** | **Bankedo** |
| | Ferma Ceremonio |
| | Aŭkcio |
| | Atestiloj |

Prezentoj de aliaj

| Dimanĉo, 12-a januaro | |
|---|---|
| 07:30 – 08:30 | Matenmanĝo |
| **09:00** | **Forveturo** |

**Bonan vojaĝon!**

## K I E N LA AŬSTRALIA ESPERANTISMO?



Multaj aŭstraliaj Esperantistoj deziras, kaj pluraj forte laboras por tio, ke la Esperantismo en Aŭstralio retroiru al "la bonaj tempoj" de la antaŭa jarcento, kiam regis agrabla harmonio inter la Esperantistoj en Aŭstralio, kaj kiam malagrablaj konfliktoj pro malsamaj opinioj ĝenerale pace solviĝis aŭ solvatis.

Sed ĉu ni povas esperi tion, se kelkaj inter ni iel daŭrigas la malhonestan persekutadon ate de la adeptoj de Igor? Unu tia kazo de plua kalumniado estas la senpruvaj atakoj al mi aperintaj en A.E. (vidu i.a. n.ro 108 paĝe 5 kaj 6). Ili temas precipe pri la cirkonstancoj de mia iama eksiĝo (antaŭ pli ol tridek jaroj!) el S.A.T. Ĉu la Eldonistoj de A.E. petis la verkinton aldoni la pruvojn de siaj akuzoj de tiu longantaŭa okazo? Kompreneble la akuzoj estas falsaj.

Eĉ la aludoj al mia malamikeco kun Don Broadribb estas fiaj. Kompreneble Don kelkfoje malsamopiniis kun mi pri lingvismaj aferoj. Tamen li trovis miajn opiniojn sufiĉe gravaj kaj ĝustaj, ĉar estis li kiu petis min permeson por eldoni en libroformo (ĉiujn) miajn artikolojn per sia presista kompanieto, kaj estis li, ne mi, kiu al tiu libro donis la titolon "Por ĝuste uzi Esperanton" (kiun titolon mi post kelkaj jaroj ŝanĝis al de mi proponita "Lingvaj Resondoj"). Krome Don konfirmis al mi, ke li trovis miajn artikolojn tre valoraj (mi plu havas lian leteron).

Cetere Don siatempe ricevis la malgrandan sed gravan Aŭstralia-Esperantan Vortaron por recenzo por la gazeto de AEA. Sed Don ne volis recenzi ĝin (parte pro la multaj kritikendaĵoj kaj parte pro alia tialo). Li do petis min havi la kuraĝon kritike recenzi tiun erarplenan verkon de la famaj Ralph Harry kaj Volo Gueltling. Mi faris tion neĝoje, pro la multaj eraroj kaj strangaĵoj kaj ridindaĵoj (vidu ĝin en mia libro "Lingvaj Resondoj"). Don publikigis mian recenzon senŝanĝe kaj aprobe. Kelkfoje oni devas homojn malĝojigi, por la utilo de la komunumo. Kaj pro tio mia recenzo estis tre profunda kaj esplora kaj postulanta multan tempon.

Pri la neveraĵoj, de la sama kritikemulo, pri gramatikaj aferoj en la sama kaj aliaj A.E.-oj: ili kaŭziĝas pro nesufiĉa kompreno de la strukturo de Esperanto, kaj mi ne kritikas la verkinton pri tio, ĉar ĉiu donas al Esperanto laŭ sia kapablo.

Marcel Leereveld.

ANONCETO.

Mi posedas proksimume naŭcent retmesaĝojn kaj leterojn, ĉiuj kun akraj ofendoj kaj insidoj kaj mensogoj kaj kalumnioj verkitaj kontraŭ mi kaj aliaj aŭstraliaj Esperantistoj kiuj ne samopiniis kun la procedo de Igor ŝanĝi A.E.A. al kompanio. La mesaĝoj kaj leteroj venis el dudeko da AEA-anoj, inkl. de la tiama Estraro, dum la jaroj tuj antaŭ kaj post la decido de la estraro de A.E.A. en 2007 eksigi min kaj aliajn el A.E.A.

Mi pretas fotokopii parton aŭ ĉiujn por iu, kiu intencas verki la historion de Esperanto en Aŭstralio dum la lastaj dek jaroj. Bonvolu kontakti min.

Marcel Leereveld.

La AE novaĵletero celis/celas montri ĉiujn flankojn de gravaj konfliktoj inter la Esperantistoj en Aŭstralio, ĉar oniaj diroj pligrandigis la konfliktojn kaj preskaŭ detruis AEAon. AE publikigas ĉiujn ricevitajn leterojn por eviti onidirojn. Ĉu Esperanto en Aŭstralio nun ne paciĝas? Roger Springer



# La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10atm

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo

Je la 7/12/13 venis 7, Ian Wylles. Chris Holliss, Eunice Graham, Roger Springer, John Cassey, kaj du vizitantoj el Serbio, Ljiljana kaj Oktavijan Popovic. Ili trovis nin per la reklamo en la Manly Daily

# "Helpo Bezonata por Andre Samosir.

AEA subtenas junan indonezian esperantiston pork e li ĉeestu la kongreson en Kanbero en januaro. Li petas ke iu, aŭ en Melburno, Sidnejo aŭ Brisbano, gastigu lin dum 3 tagoj post la kongreso. Se vi deziras kaj povas helpi lin, bonvolu kontaktu min tuj por ke mi aranĝu lian flugbileton. Dankon Heather Heldzingen. Tel. 03 95254295

# Vizitantoj el Nepalo

Mi petas ke S-ro Bharat Ghimere kaj S-ino Indu Luno restu ĉe Esperanto Domo de 29a decembro ĝis 2a januaro (5 noktoj)

Alie, se iu havos la eblecon gastigi ilin dum tiu periodo, eĉ pli bone.

Se vi povas gastigi ilin sendu mesaĝon al rspring@tpg.com.au






## Vortoj de "Lernu"

RISKI

1. Elmeti ion al necerto aŭ danĝero:
Mi ne volas riski mian vivon.
Kiu ne riskas, tiu ne havas.
Dubo gardas kontraŭ risko.
Ne estas senriske naĝi en ĉi tiu lago.

2. Elmeti sin al la ebleco de bedaŭrinda okazaĵo:
Vi riskas perdi mian konfidon.
Vi estas (tro)riskema viro!

3. Kuraĝi fari ion malgraŭ la ebleco de malsukceso aŭ malbona konsekvenco:
Mi ne volas riski preni sur min tiun taskon.
La risko estas tro granda.
Ĉu vi volas partopreni en tiu riska eksperimento?